# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

https://translate.google.com/

**PLENUMITA 29/09/2016 Ducentokdeknaŭa eldono 29/09/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**





**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**




**SENDATA AL 305.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Ekstudis pli ol **543,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)



Kara amiko,

Antaŭ dekkvin jaroj, ESF (Esperantic Studies Foundation) subvenciis aron da junaj promesplenaj esperantistoj krei retejon, Lernu.net. Ni estis certaj, ke ĝi helpos al la nova generacio lerni Esperanton kaj konektiĝi kun homoj, kiujn ni neniam antaŭe povis atingi. Sed la sukceso de tiu projekto tute superis niajn atendojn. Lernu fariĝis vigla reta komunumo kun pli ol 225 mil uzantoj (kaj ĝia uzantaro daŭre kreskas…) kaj miloj da paĝrigardoj ĉiutage. La retejo nun estas konata ĉie tra la mondo.

Esperanto prosperas nun en la interreto kiel neniam antaŭe. Kun la sukceso de la Esperanto-kurso ĉe alia lingvolerna retejo, Duolingo, pli kaj pli da novaj esperantistoj bezonas aliron al pliaj rimedoj por Esperanto-lernado, sperti Esperanto-kulturon kaj fariĝi parto de la Esperanto-komunumo. Lernu.net donas tion al ĉiuj homoj ĉirkaŭ la mondo, inkluzive al tiuj, kiuj loĝas en landoj, kiuj ne havas Esperanto-asociojn aŭ tradiciajn kursojn.

Tiun sukceson ebligas entuziasmo, talento kaj miloj da horo da volontula laboro. Sed Lernu.net (kaj aliaj rete bazitaj projektoj, kiel Edukado.net) ne povus ekzisti sen signifa investo de ESF. Ni subtenis la projekton ekde la komenca fazo, tra ĝia kresko kaj sukceso, kaj ankaŭ tra la lasta fazo de renovigo kompletigita ĉi somere: la nova Lernu kun la nova kurso, pliriĉigita biblioteko kaj plene renovigita interfaco. Kaj same kiel Lernu.net ne povus ekzisti sen la investo de ESF, ESF ne povus funkcii sen la malavara subteno de ĝiaj donacantoj. Kiel skribis unu el niaj donacantoj, Fernando Maia Jr., el Brazilo, "Mi donacas al ESF, ĉar mi konsentas kaj fidas je la realigata laboro. ESF tenas kaj subtenas kelkajn el la plej gravaj spacoj por Esperanto en la reto, ĉiam kun moderna rigardo kaj entuziasmigaj rezultoj."

Ni elkore dankas niajn donacantojn pro ilia malavara subteno kaj ni ŝatus peti vin konsideri subteni ESF-on ĉi jare. Vi povas fari unufojan donacon rete (esperantic.org/donacoj/donacu-rete) aŭ starigi aŭtomatan ĉiumonatan donacon. Eblas ankaŭ donaci per UEA **(esfo-p)**. Kiel donacanto, vi

estos rekonita sur la virtuala "Muro de donacantoj" de la ESF-retejo. Vi ankaŭ povas donaci rekte al Lernu.net: http://lernu.net/en/subteno

Amike, Humphrey Tonkin Prezidanto, ESF *informis Heather Heldzingen*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# KVIZO EN ADELAJDO



La ĉiujara kvizo de la adelajdaj esperantistoj okazis en la domo de Katja kaj Trevor Steele. Ĉeestis 15 homoj. Trevor faris la demandojn pri vasta gamo da temoj. Neesperantistoj partoprenis kiel partneroj de progresintaj esperantistoj. Gajnis la geedzoj Cathy kaj Michael Taggart. Post manĝeto oni, kiel kutime en Adelajdo, kantis, akompanate de la domra ludado de Bob Felby.

*Trevor Steele*



***La Kvizintoj***



***oni kantas***

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# Loka ĵurnalo mencias Esperanton

Hodiaŭ (22-9-16) aperis letero mia en la loka ĵurnalo Hornsby Advocate. Ili iom mallongigis mian leteron kaj aldonis la vortojn "Esperanto club of Gosford" ĉe la fino.

Amike, Nicole Else

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# AEA informas.

## Aŭstralia Esperanto-Asocio C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

.

**2016-09-22 AEA raportas:**

Nian mallongan lastan Skype estrarkunvenon (28/07/2016) ĉeestis:

Heather, Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor

**(1) SOMERKURSARO – JANUARO 2017 EN BRISBANO**

La du vizitantaj Indonezianoj estos Rizki kaj Erlangga. La Melburna Klubo ankaŭ decidis inviti alian personon, verŝajne el Orienta Timoro.

Ni decidis havi estrarkunvenon je la unua tago de la kongreso/somerkursaro, la 6-an de Januaro 2017 je la 13:00

**(2) ESK**

La limdato por la venonta ESK estas la 25-a de Novembro. Bonvolu kontribui.

**(3) AMIKUMU**

Ni decidis donaci $ 400 al la projekto "Amikumu". Apo, kiu helpas vin trovi aliajn esperantistojn.

**(3) KAEM (KOMISIONO PRI AZIA ESPERANTO-MOVADO)**

UEA proponis ke ni oficiale aliĝu al KAEM. Jes, ni aliĝos.

**(4) LIBROSERVO**

Ni gratulis Jonathan, kiu diligente katalogis kaj fotis multjan de niaj libroj en Esperanto Domo en Sidnejo. Nia celo estos ke la listo aperu finfine en nia retejo kaj ke homoj povu aĉeti librojn.

**(5) ESPERANTO-DOMO EN MELBURNO**

Ni esploris la eblecon aĉeti Esperanto-Domon en Melburno. Diru al ni kion **vi** opinias?

**(6) ESF (ESPERANTO STUDIC FOUNDATION)**

Ni donacis $ 300 al ESF. Interalie, ESF respondecis pri la starigo de lernu.net kaj respondecas pri ĝia vivtenado.

Venonta kunveono: 06/10/2016 je la 16:00 (Melburna tempo)

Heather, Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Teo kaj Amo"




Kara Sandor Horvath

Saluton

Kiel vi fartas? Mi esperas, ke ĉio ĉe vi kaj via familio estas bona!!!

Mi sendas la leteron al vi por peti vian helpon: restas nur malpli ol 3 monatoj ĝis la fino de varbado de konkursaĵoj de nia dua konkurso "Teo kaj Amo" – la lasta tago de novembro, 2016. Okazos la 102a UK en Seulo, kaj ni planas montri premiitajn filmetojn en la UK, mi EGE EGE volas, ke iu(j) premiota(j) filmeto(j) venos el Aŭstralio. Nun jam alvenis 7 konkursaĵoj, sed ankoraŭ neniu filmeto alvenis el Aŭstralio, tial mi petas de vi kadre de AEA publikigi mesaĝon de la varbado por alvoki konkursaĵojn el Aŭstralio.

**La limdato de la varbado de konkursaĵoj estas la fino de Novembro,** restas malpli ol 3 monatoj, jam urĝas.

Aldone mi sendas al vi **artikoleton** pri la nova progreso de la konkurso, **regularon** en Esperanto kaj en la angla lingvo, la **Logo-n** de nia konkurso, kaj elŝuteblas regularoj en Esperanto kaj en la angla lingvo respektive ĉe http://esperanto.cri.cn/teokajamo2016e/regularo.doc kaj ĉe http://esperanto.cri.cn/teokajamo2016e/regularoenglish.doc

Ĉe https://www.youtube.com/watch?v=k1eh4_iRTl0 videblas video pri la ĉina urbo Hangzhou, kiu ĵus okazigis pintkunvenon de Grupo 20 kaj gastigos filmfestivalon "Teo kaj Amo" en Aprilo de 2017. Vi kaj KEA rajtas libere uzi ilin.

Dankegon!!

Elkore, Ĝoja



## La Manly Esperanto-Klubo

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn 10atm.
Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso de senpaga kafo
Venonta kunveno okazos je 1a Oktobro ĉe 10atm

# Ni ne ludu pri Esperanto!



Ekzistas Esperantistoj, kiuj uzas Esperanton nur por siaj propraj aferoj, ne interesiĝante pri la stato kaj onteco de la lingvo. La aliaj ne nur uzas la lingvon, sed ankaŭ propagandas ĝin kaj zorgas ke ĝi restu laŭ la deziroj de Zamenhof kaj ke ĝi ne degeneru al ne plu fidebla kaj ne plu perfekta ŝanĝitaĵo. Ili estas la utilaj Esperantistoj.

Unu specifa celo de la utilaj Esperantistoj estas zorgi, ke la kontraŭantoj de Esperanto ne publikigu misinformojn pri nia lingvo. Ĉi lastaj ja ĝojas rakonti, ke Esperanto ne taŭgas, ĉar ĝiaj reguloj estas nelogikaj kaŭzantaj miskomprenojn, kaj ankaŭ, ke ni misuzas la lingvon kreante esceptojn kaj nekompreneblajn vortojn. Ni do devas zorgi, ke la mondo sciu, ke Esperanto estas perfekta kaj same taŭga kiel etnaj lingvoj, kaj ke ĝiaj reguloj ne havas nenecesajn esceptojn.

Mi diras "esceptojn nenecesajn", ĉar la naturo kelkfoje devigas nin uzi esceptojn en lingvo. Ni devas esti pretaj por klarigi al la publiko, kiuj estas tiuj necesaj esceptoj. Ni devas ankaŭ povi montri, ke estas fakto, ke ni ne havas nek uzas nenecesajn esceptojn. Se ni uzas mem tiajn esceptojn, ni devas tre zorgi, ke ni korektu nin, ĉar alie ni agas kontraŭ Esperanto. Ja se kontraŭulo, kaj estas multaj da ili, trovas niajn erarajn esceptojn, li aŭ ŝi pravas denunci Esperanton.

Unu el tiaj niaj esceptoj nenecesaj, do donantaj pravon al niaj kontraŭuloj, estas nia ludado pri la reguloj de propraj nomoj. La lingvistoj ridindigos nin, se ni eĉ ne kapablas apliki tiujn facilajn regulojn. La reguloj ja estas ke, kontraŭe al komunaj nomoj, la propraj nomoj, se substantivoj, ricevas ĉefliteron kaj ne ĉehavas la artikolon, la. Do ankaŭ la nomoj de tagoj kaj monatoj: Julio kaj Lundo. Se ĉi tiujn nomojn ni deziras trakti kiel komunajn nomojn, ne donante al ili la ĉefliteron, ni devas esti konsekvencaj kaj aldoni la artikolon "la", kiel faras la germana lingvo. Do ekzemple "Mi venos je la proksima lundo" kaj "Ĉu li venis la pasintan januaron?". Kompreneble la artikolo ne uziĝas, se ĉeestas indika pronomo, kiel "Tiu lundo ne konvenos". Sed la plej Zamenhof'a uzo estas trakti la tagojn kaj monatojn kiel proprajn nomojn, ja kun ĉefliteroj.

Do ni ne helpu la kontraŭulojn prave ridindigi nin!

Marcel Leereveld.

# Respondeto al Bob.

(Demando pri la artikolo en AE 287)



En la literaturo angla oni kelkfoje renkontas "Suno brilegas nun" kaj "Diru al Luno saluti Vienon". Sed, parte ĉar ekzistas pluraj sunoj kaj lunoj, oni traktas ilin kutime kiel komunajn substantivojn KAJ KONSEKVENCE UZAS LA ARTIKOLON: "Mi ekvojaĝos, kiam la luno estos plena". Same kiel oni povas trakti la tagojn kaj monatojn kiel komunajn vortojn. La stulteco ja ne estas uzi por tagoj kaj monatoj malgrandan komencliteron, sed ne uzi la artikolon "la". Oni eĉ povas komunigi cian nomon, ekz. "La bobo komprenas la Esperantan gramatikon pli bone ol ĉiuj aliaj aŭstraliaj Esperantistoj". Gratulojn!



Marcel.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Franciska rehejmiĝis

Mi ĵus rehejmiĝis post pluraj monatoj da foresto. La lasta lando, en kiu mi restadis estas Kostariko. Tie dank'al la helpo de Lee Yungkee, Martin Schäffer kaj José Maria Salguiero mi sukcesis renkonti esperantistojn, kiuj bone helpis min.



Mia unua vizito estis al librofoiro en la ĉefurbo San José sub la gvidado de Guido Hernandez. Li lerte propagandis esperanton, prezentante min al la verkistoj Jen foto de tiu bela tago maldekstre sidas Queen Nzinga Maxwell kaj malantaŭ ŝi staras Guido kaj mi.

Franciska Toubale

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**Franciska, AE deziras al vi Bonrevenon al via hejmo kaj via provlega tasko por AE.**

Ankaŭ AE ŝuldas grandan dankon al Marcel Leereveld kiu provlegis la novaĵleterojn dum la foresto de Franciska.



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Karaj kontribuantoj. Sen vi, AE ne povas ekzisti

**Merkredvespere mi sendas la novaĵleteron al la provlegantino por kontroli la lingvon kaj elsendas al la legantoj dum Ĵaŭdo. Uzu ĝin por la reklamo de viaj semajnfinaj eventoj.**
**Poste informu pri la sukcesoj de viaj kunvenoj en la sekvanta "Aŭstraliaj Esperantistoj" por montri ke viaj kluboj ekzistas kaj aktivas.**

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



## 3ZZZ

Kiel kutime eblas aŭskulti la programon en Esperanto disaŭdigitan de 3zzz aŭ en la retejo de la radio www.3zzz.com.au aŭ en la arkivoj de la melburna societo www.melburno.com.au
Lundon la 26an de Septembro estis disaŭdigata intervjuo de Szofia Korody, en kiu ŝi klarigas kiel Herzberg fariĝis Esperanto-urbo.
Jomo kaj Eterne Rima kantas kantojn el novaj kompaktdiskoj: Jomo okcitanas kaj Samideano Agrablan aŭskultadon, Franciska



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Se vi trovis eraron, aŭ mankon, informu AE rogerspringer@tpg.com.au

**La sekvanta AE 290 enhavos la helpinformojn kiuj aperas en ĉiuj dekaj eldonoj. Se vi trovis/trovos mankojn aŭ erarojn, informu min (rspring@tpg.com.au) Tiuj informoj povos helpi ĉiujn legantojn pli bone uzi Esperanton. Dankon Roger Springer**

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★